Wikipedia

# Muzeo Cerralbo



La **Muzeo Cerralbo** troviĝas en Madrido (Hispanio), en la antikva rezidejo de Enrique de Aguilera y Gamboa, 17-a Markizo de Cerralbo, kiu promociis la arkeologiajn elkavigadojn kaj arigis unu el la plej gravaj art-kolektoj de Hispanio. Li forpasis en 1922 kaj lia kolekto transiris al la Ŝtato laŭ Reĝa Dekreto la 10-a de aprilo kaj 24-a de septembro 1924.

Dek jarojn poste ĝi fariĝis *Fondaĵo Muzeo Cerralbo*. Nuntempe ĝi estas fermata pro reformado kaj ĝia onta malfermado estis anoncita por la printempo de 2010. La muzeo gastigas diversajn pentraĵojn, skulptaĵojn, kolektojn el porcelano, eŭropaj kaj orientajn kirasojn, numismatikaĵojn ekde la grek-romia epoko, ktp.